Jaro 21-a *Januaro 1969* N-ro 1



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanujo**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegujo**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisujo.**

*Laŭplane kaj laŭborare la IFEF-trajno veturas antaŭen al la venonta stacio, Avignon.* Bildkliŝo: NSB.




# 21 a IFEF - Kongreso

## DIVERSAJ INFORMOJ

*Oficiala adreso:* 21-a IFEF-Kongreso, 15 rue Guillaume Puy, F 84-AVIGNON, FRANCIO.

*Banko:* Banque Nationale de Paris, 39 Rue de la République, F 84-AVIGNON. Kontonumero: «CH 072.574-Congrès des Cheminots Espérantistes.»

*Poŝtĉek-konto:* Banque Nationale de Paris. Konto-numero: «13.381-MARSEILLE». Aldoni: «Compte CH 072.574-Congrès des Cheminots Espérantistes.»

*Kongresejo:* Palais de Champfleury, AVIGNON.

*Kongres-kotizo:*

Ĝis la 15-an de marto 1969: 44 francaj frankoj.
Ĝis la 20-an de aprilo 1969: 50 francaj frankoj.

*Aliĝado:* Bonvolu mencii ĉu vi partoprenos la ekskursojn aŭ ne, eĉ se vi ne pagas ilin samtempe kun la aliĝo. LKK bezonas tiun informon kaj ne povos garantii lokon al tiuj, kiuj ne anoncis sin. Tiuj, kiuj jam sendis ne kompletan aliĝilon povas informi la LKK pri ilia intenco partopreni ekskursojn.

Pensiuloj, familianoj, junuloj malpli ol 28 jaroj pagas la duonon. Ĉiuj aliĝoj devas atingi LKK plej malfrue la 20-an de aprilo 1969.

ATENTU: La prezo por ekskurso C-(Uzes/Pont du Gard) estas 8 FF-ne 5 FF.

*Simbola aliĝo:* Minimume 12 FF. Tiuj personoj ricevos unu folion da glumarkoj kaj laŭeble kongres-insignon kaj kongreslibron.

SKIZO DE LA PROGRAMO
POR LA 21a KONGRESO DE IFEF

*Vendredon la 16-an:* Gazetara konferenco.

*Sabaton la 17-an:* Kunsido de la IFEF-estraro kun la LKK. Interkona kunveno.
Teatra prezento.

*Dimanĉon la 18-an:* Diservoj.
Solena malfermo de la Kongreso.
Komuna fotado.
Distra posttagmezo.
Internacia balo.

*Lundon la 19-an:* Komitata kunsido.
Vizito de la papa Palaco (unua).
Duontaga ekskurso per aŭtobuso. (Uzès kaj Pont du Gard.)
Komisionoj: junulara, fakprelega, terminara.
Folklora vespero.

*Mardon la 20-an:* Kunsido publika.
Vizito de la papa Palaco (dua).
Bankedo.
Piedpilkmaĉo.
Fakprelego.
Filmvespero (teknika kaj turisma).

*Merkredon la 21-an:* Tuttaga ekskurso per aŭtobuso. (Arles kaj Camargue.)

*Jaŭdon la 22-an:* Kunsido publika.
Vizito de la lokomotiva deponejo.
Junulara vespero.

*Vendredon la 23-an:* Duontaga ekskurso per aŭtobuso. (Fontaine de Vaucluse kaj Orange.)

La tagordojn de la diversaj kunvenoj dum la venonta IFEF-kongreso vi trovas sub Administraj Informoj.

### JUNULARAJ ARANĜOJ DUM LA 21-a IFEF KONGRESO EN URBO AVIGNON

La Loka Kongresa Komitato de la 21-a IFEF-Kongreso zorgas ankaŭ pri la fervojista esperantista junularo. En la kongresa programo troviĝas tre interesaj aranĝoj speciale por la gejunuloj.

La 19-an de majo /lunde/ okazos la kunsido de la Junulara Sekcio. Oni aŭskultos la raporton pri la agado de la Sekcio, poste oni pritraktos la laborplanon por la sekvonta periodo.

La 20-an de majo /marde/ okazos la tradicia piedpilka ludo. Al la IFEF-teamo jam nun ni kore invitas junulojn, kiuj kapablas ludi.

La 22-an de majo /ĵaude/ junularan vesperon aranĝos la Franca Junularo. Dum la kultura vespero oni prezentos kantojn, poemojn, dancojn teatraĵojn. La aranĝantoj invitas ankaŭ alilandajn gejunulojn por kontribui al la programo de la junulara vespero.

*D-ro Imre Ferenczy*
gvidanto de la Junulara Sekcio.
Györ 2, Poŝtfako 143. Hungario.

## Belaj ekskurslokoj cirkaŭ Avignon




*NIMES*

Nîmes, la romia urbo, ankaŭ alnomita «La franca Romo», situas je 40 kilometroj sud-okcidente de Avignon. Ĝi estas turisma centro tre bone lokita kiel deirpunkto por esplori la regionon de la rivero Gard, la montojn Gevennes kaj la rodanan delton (regiono Kamargo). Urbo kun milda klimato, ĝi estas la ĉefurbo de la departemento (administracia regiono) «Gard» kaj enhavas proksimume cent mil loĝantojn. Fiera pro sia glorplena pasinteco, la urbo montras en multaj lokoj la postrestaĵojn de la malnova romia «Colonia Nemansensis».

La malnovaj fortikaĵoj, ses kilometrojn longaj, estis konstruitaj sur la kresto de sep montetoj, tial Nîmes povis esti alnomita «La sepmonteta urbo». Norde de tiuj fortikaĵoj staras la majesta Granda Turo («Tour Magne»), la plej malnova romia monumento trovebla en Francio; ĝi estis starigita je la gloro de la imperiestro Domitius proksimume en la jaro 120-a A.K.Oni povas atingi la turan supron per interna 140-era ŝtuparo, kaj de tie malkovri admirindan panoramon ĝis montoj «Ventoux kaj Alpilles. La turo staras supre de monteto («Mont Cavalier») en la belega publika ĝardeno («Jardin de la Fontaine») planita en la XVIII-a jarcento de la konata arkitekto Le Nôtre. La Gallo-Romanoj ankaŭ konstruis la Banejojn («Les Thermes») ĉirkaŭante la fonto de Nemausus kaj la Templon de Diana, nun ruinaĵoj kaŝitaj sub foliaro, kiuj estas la juvelo de la publika ĝardeno.

La pordo de Arles, alnomita Pordo de Aŭgusto, kaj la pordo de Hispanio, alnomita Pordo de Francio, estas la nuraj postrestaĵoj el la sep aŭ ok pordoj de la antaŭa ĉirkaŭ-urba fortikaĵo. Meze de la romia urbo staras la Kvadrata Domo, («Maison Carrée») iama kapitolo, dediĉita en la I-a jarcento al Caïus kaj Lucius, filoj de Agrippa kaj nepoj de Aŭgusto. Famkonata, tiu verko, majstra pro gracieco kaj harmonio, estas nun la Antikva Muzeo («Muée des Antiques») kaj enhavas rimarkindan kolekton: mozaiko, statuoj, tombŝtonoj.

Sed la urba koro, plej tipa aspekto de la romia arto, estas la Amfiteatro («Les Arènes»), kiuj datiĝas de la I-a jarcento. Kvankam malpli ganda ol la roma Koliseo, ĝi estas multe pli bone konservita. En ĝi povis sidi 22 000 spektantoj; eĉ nun, okaze de teatraj prezentadoj aŭ taŭrbataloj, la malnova monumento povas enhavi preskaŭ tiom da personoj.

La Ŝtona Muzeo («Musée Lapidaire»), unu el la plej riĉaj de Eŭropo, kie pli ol milo da surskribaĵoj kaj multaj arkitektaj aŭ skulptaj verkoj estas videblaj, prezentas retrospektivan aspekton de la gallo-romia urbo. La Katedralo, romanika konstruaĵo, povas esti kunligo inter la romia kaj la pli malnovaj vidindaj monumentoj: Sankta-Paŭla Preĝejo, Justeca Palaco, Alegoria Fonto («Fontaine Pradier»), . . . Multaj statuoj ornamas la publikajn ĝardenoj kaj la ombritajn avenuojn, inter kiuj oni notas tiun de la romanverkisto Alphonse Daudet.

*

*UZES*

Iama ĉefa dukejo en la franca reĝo-lando, la urbeto Uzès situas je 39 kilometroj okcidente de Avignon, kaj enhavas 6.500 loĝantojn. Ĝi fiere staras sur promontoro 124 metrojn alta kaj starigas al la ĉielo la imponan silueton de sia duka kastelo kaj de siaj mezepokaj turoj.

La intereso de la vizito ne nur kuŝas en la urbeto mem, sed ankaŭ en la proksima kamparo ĉarmigita de la rivereto Alzon, kiu serpentumas tra herbejoj, sub densaj ombrejoj, kaj de multaj fontoj. En la valo estas videblaj la fontoj de Eure, kiuj ŝprucas kaj nun libere fluas en la rivereton Alzon, sed estis dum la romia epoko direktigitaj al urbo Nîmes, trans la riveron Gard per la impona akvodukto «Pont du Gard».

En la urbeto, rimarkinda estas la rondforma kampanilo («Tour Fenestrelle»), ununura juvelo, lokita inter la plej famaj konstruaĵoj de la XII-a jarcento. Proksime estas la katedralo, kiu posedas belegan orgenon konstruita en la jaro 1685 kaj perfekte konservita.

Rapida promenado permesas malkovri aliajn mirindaĵojn: la dukan kastelon kun ĝia luksega fasado, la grandan Placon de Herboj («Place aux Herbes») tute ĉirkaŭigitan de strangaj domoj el diversaj epokoj, la luksegajn hotelojn «Dampmartin» kaj «Baron de Castille» kies kortoj estas ĉarmaj kaj muroj riĉe kovritaj per skulptaĵoj. La nunaj bulvardoj, kiuj anstataŭas la iaman muregon, oferas agrablan promenadon precipe ĉe la «Promenade des Marronniers de kie oni admiras unu el la plej belaj panoramoj en tiu provinco.

Ĉiam konsiderita kiel artan lokon, Uzès estas, ek de la leĝo Malraux de 1962, elektita franca civito kies ĉarmeco kaj originaleco estas konservendaj.



*Le Pont du Gard.*
*La Ponto trans la Gardo.*

*PONT DU GARD*

La ponto trans rivero Gard, kiu situas je 22 kilometroj de Nimes kaj 25 de Avignon, estis parto de la romia akvo-kanaleto, 41 kilometrojn longa, konstruigita de imperiestro Agrippa cele provizi la urbon Nemausus («Nîmes») per trinkebla akvo el fontoj de Eure apud Uzès. La akvo fluis per simpla deklivo, kies graveco estis meznombre 34 centimetroj po kilometro, inter la montetoj kaj foje en tuneloj, ĝis la urba disigilo («Castellum Divisorium») kies ruinaĵoj estas videblaj straton «de la Lampèze», en Nîmes.

Tiu kolosa konstruaĵo, 49 metrojn alta kaj 269 longa, havas imponan belecon, kiu kuŝas ne nur en ĝia triobla arkaĵaro trietaĝa, sed ankaŭ en la perfekta harmonio, kiu regas inter la akvodukto kaj la regiono ĉirkaŭanta, inter la helaj ŝtonoj origitaj de la sunradioj kaj la klara akvo de la rivero.

Per vojeto ĉe la dekstra bordo, oni povas facile atingi la supron de la ponto, kaj ĝin trapasi piede sed prudente ĉar ĝi estas vertiĝodona se oni laŭlongiras la randojn. Eblas uzi la akvokanaleton, 1,22 metron larĝa kaj 1,45 profunda, ankoraŭ parte kovrita per imponaj ŝtonplatoj. La fluanta akvo dum jaroj deponis sur la parioj sedimentan tavolon ĝis dikeco de 30 centimetroj. Oni apenaŭ imagas kiel eblis kunporti ĝis la supro ŝtonojn ses tunojn pezaj.



# ADMINISTRAJ INFORMOJ

## Raporto de la kasisto 1968

| *Enspezoj:* | sv. fr. | *Elspezoj:* | sv. fr. |
|---|---|---|---|
| Kotizoj landaj asocioj | 8562,02 | Presado de LIF | 8524,50 |
| Kotizoj izoluloj kaj adoptitoj | 44,74 | Afrankoj por LIF | 1144,75 |
| Rentumoj | 248,80 | Afrankoj estraro | 314,50 |
| Vendo de materialo | 54,10 | Vojaĝ- kaj reprezentkotsoj | 500,95 |
| Diversaĵoj | 113,38 | Bankspezoj | 12,39 |
| Pli-Elspezoj | 2461,97 | Oficejmaterialo | 701,65 |
| | | Estrarkunsidoj | 8,85 |
| | | Bindigo LIF | 120,00 |
| | | Elkotizoj UEA kaj SAT | 78,00 |
| | | Korektado «Historio» | 30,00 |
| | | Diversaĵoj | 49,42 |
| | 11485,01 | | 11485,01 |

## Bilanco epoko 1. julio — 31. dec. 1968

*Aktivoj:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ŝparlibro 44'165-09 Thurg. Kant. Bank | sv. fr. | | 2769,71 |
| Konto-Korrent Thurg. Kant. Bank 471 | | | 177,70 |
| Kaso | | | 182,35 |
| Pagendaj kotizoj | | | 165,— |
| Inventario | | | 153,60 |
| Aktivoj 31.12.1968 | sv. fr. | | 3448,36 |

*Pasivoj:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kapitaltranspagoj 1—3 de Amsterdam | | 2301,94 | |
| — kongres-fonduso | | 556,50 | 1745,44 |
| Pli enspezoj julio—dec. 1968 | | | 827,82 |
| IFEF-kapitalo 31.12.1968 | sv. fr. | | 2573,26 |
| Kongresa Fonduso | | | 556,50 |
| Antaŭpagitaj kotizoj 1969 | | | 103,69 |
| Bilanco saldo | | | 214,91 |
| Pasivoj 31.12.1968 | sv. fr. | | 3448,36 |

Romanshorn, 7-a de januaro 1969.
la kasisto:
*O. Walder*

## Membrostato de IFEF

| *Lando* | *1968* | *(1967)* |
|---|---|---|
| Aŭstrujo | 175 | (175) |
| Belgujo | 20 | ( 20) |
| Britujo | 1 | ( 31) |
| Bulgarujo | 250 | (200) |
| Ĉehoslovakujo | 60 | ( 60) |
| Danujo | 82 | ( 87) |
| Finnlando | 33 | ( 33) |
| Francujo | 280 | (292) |
| Germanujo | 650 | (650) |
| Hispanujo | 205 | (171) |
| Hungarujo | 261 | (200) |
| Italujo | 109 | (109) |
| Jugoslavujo | 95 | ( 95) |
| Nederlando | 117 | (117) |
| Norvegujo | 60 | ( 60) |
| Polujo | — | ( 25) |
| Svedujo | 145 | (145) |
| Svislando | 110 | (110) |
| Izolaj membroj | 1 | ( 2) |
| Adoptitoj | 1 | ( 5) |
| | 2595 | 2587 |

| | |
|---|---|
| Supozeblaj alpagoj | |
| Britujo (eraro) | 30 |
| Malhelpoj transpago Polujo | 25 |
| Membrostato IFEF 1968 | 2650 |

*Estrarkunsido*

La 22/23an de februaro okazos estrarkunveno en Aŭstrujo en kiu partoprenos Prezidanto, Sekrtariino, Kasisto kaj Vicprezidanto. La Ĉefkomitatano estas invitata ĉeesti, ĉar necesas pritrakti gravajn aferojn.

*Landaj aranĝoj*

Nome de IFEF-estraro la vicprezidanto partoprenis la hungaran jarkunvenon en Budapesto.

*Salutoj*

La IFEF-estraro ricevis multe da salutoj kaj bondeziroj okaze de kristnasko kaj por la nova jaro.

Krome venis salutoj el jarkunvenoj
el Ceska Trebova/ CSSR
el Zürich/Svislando
el Budapest/Hungario
kaj el Zamenhof-memorvespero el Hungario. La estraro kore dankas al ĉiuj.

*Blokita mono.* Kolegoj, vojaĝontaj al Ĉehoslovakujo aŭ Rumanujo bonvolu antaŭ ekvojaĝo rilati kun la IFEF-kasisto, Otto Walder, Esperantoweg, CH-8590 Romanshorn rilate legala uzado de blokita bonhavo de IFEF en tiuj landoj.

*Aŭstralio.* Jam 1950 ekzistis landa asocio de IFEF sur la kvina kontinento, kun kiu la estraro havis regulan kontakton. 1965 ĉesis la pagado de kotizoj. 1967 revenis pakaĵo kun nia gazeto kun mencio «neliverebla». Nia kasisto provis pere de amiko en Sidney esplori la cirkonstancojn. El dek adresitoj nur unu respondis. Laŭ tio ŝajnas ekzisti nenia ebleco revivigi la landan asocion kaj IFEF devas kontenti havi en Aŭstralio almenaŭ izolan membron. La estraro, laŭ art. 11 de la statuto malfeliĉe devas proponi al al komitato streki la aŭstralian landan asocion.

*Adoptitoj — Izolaj membroj.* La alvokoj oferi kontribuon por adopti kolegojn nepagipovajn rezultis ĝis nun kotizojn por 7 membroj.

La estraro deziras iniciati la fondadon de novaj landaj asocioj. Nia membraro estas petata informi sekretariinon aŭ kasiston pri nomoj kaj adresoj de fervojistaj esperantistoj en ekstereŭropaj landoj. Ne gravas, ĉu al tiaj kolegoj eblos aŭ ne, ni nomu ilin adoptitoj kaj komencu agadi kun ili. Ni jam aŭdis pri gekolegoj en Japanujo, Hindujo, Usono, Maroko, kiu havigos al la estraro findindajn adresojn? antaŭdankon.

*IFEF-komitato*

Hispanio anoncas duan komitatanon, kies nomo kaj adreso estas Carlos Virumbrales Carcedo, Pasaje Ali-Bey No 4, Barcelona — 5. Nederlando konfirmas sian komitatanon, sed sciigis novan adreson: J. J. Labordus, Pekingdreef 62, Utrecht — 2505.

Dum la unua kunsido en la venonta kongreso la komitato devos alelekti 2 junularajn kromkomitatanojn. Estas proponitaj la ĝisnunaj komitataninoj f-ino Greta Gössl (Aŭtsrio) kaj Denise Hervouet (Francio).

Same dum la unua kunsido la komitato devos elekti ĉefkomitatanon por la laborperiodo 1969/70. La ĝisnuna ĉefkomitatano estos reelektebla, sed por ebligi veran elekton la propono de pliaj kandidatoj estas dezirata.

*La ĉefkomitatano*

## Kongresproponoj

*Kongrespropono n-ro 1,*
prezentita de la estraro

La longjara estrarano kaj en 1968 demisiinta prezidanto de IFEF, kolego K. G. J. de Jong, estu nomata «Honora Membro» en la 21-a IFEF-kongreso.

*Vivpriskribo kaj meritoj*

K. G. J. de Jong naskiĝis la 27an de januaro 1902 en Nederlando. Kiel juna viro li fariĝis fervoja hejtisto kaj sukcesis avanci al teknika inspektoro. Pro siaj altaj kvalitoj li ricevis en aprilo 1965 flanke de la nederlanda reĝino la ordenon de «Kavaliro en la ordeno Oranje Nassau». La 31an de januaro 1967 li emeritiĝis post 48 jara deĵoro.

K. G. J. de Jong esperantistiĝis en la jaro 1932 kaj tuj aliĝis al la Federacio de laboristaj esperantistoj, en kies amsterdama sekcio li gvidis kursojn kaj aktive kunlaboris. Li partoprenis en kelkaj SAT-kongresoj antaŭ la dua mondmilito.

Post la milito de Jong denove ekaktiviĝis en la refondita internacia federacio de la esperantistaj fervojistoj, la nuna IFEF, kies kongresojn ĉiujn li partoprenis. En 1950 li transprenis la postenon de l'federacia redaktoro. Tio estis malfacila tasko, ĉar ne jam ekzistis internacia organo Energie li venkis ĉiujn financajn kaj aliajn obstaklojn kaj kreis el nenio la «Bulteno», nuna «La Internacia Fervojisto». En la 10a kongreso (Aarhus) de Jong fariĝis prezidanto de IFEF, kiun plej gravan federacian pozicion li okupis 10 jarojn. Dum tiu tempo li zorgis por konstanta evoluo de la federacio. Pere de personaj kontaktoj al multaj landaj asocioj kaj registaraj instancoj li kreis amikajn rilatojn kaj helpis al pluraj landaj estraroj plifirmigi la propran situacion. Sub lia gvidado la federacio akiris respektindan reputacion en la cetera Esperanto-movado.

*Kongrespropono n-ro 2,*
prezentita de la estraro

La frontpaĝo de nia organo «La Internacia Fervojisto» moderniĝu. La jam ofte kritikita «funebra aspekto» estu forigata. La nigra frontstrio malaperu, la nigra stelo estu anstataŭigata de la IFEF-insigno kun steleto haĉita aŭ verda, la skribo estu pli moderna.

*Kongrespropono n-ro 3,*
prezentita de komitatano Greutert

Konsiderante la kongresproponon n-ro 2, kiu koncernas modernigon de la frontpaĝa aspekto, mi proponas alian titolon. La titolo estu ŝanĝata en «Fervojista Esperantisto» kaj ricevu grafike modernan prezenton.

Komentario sekvos dum la koncerna kunsido.

## TAGORDOJ

*Tagordo por la I-a kunsido Estraro — Komitato*
(ne-publika)

1) Malfermo
2) Ekzameno de la mandatoj
3) Elekto de junularaj kromkomitatanoj
4) Elekto de ĉefkomitatano
6) Antaŭtraktado de komitatano A por UEA
7) Distribuo de eksterfederaciaj taskoj
8) Diversaĵoj

*Tagordo por la II-a kunsido Estraro — Komitato*
(publika)

1) Malfermo
2) Resumado raportoj de la landaj asocioj
3) Raporto pri la komitata laboro

4) Prezento kaj pritrakto de la budĝeto 1970
5) Rilatoj al FISAIC
6) FISAIC-medaloj
7) Laborplano
8) Libera diskutado
9) Fermo

*Tagordo por la plenkunsido* (publika)

1) Malfermo
2) Ricevitaj telegramoj kaj leteroj
3) Kongresraporto 1968 Varna
4) Akcepto de nova landa asocio
5) Jarraporto estrara
6) Raporto de la fakaj komisionoj kaj komisiitoj
   a) Terminara komisiono
   b) Junulara sekcio
   c) Fakprelega komisiono
   d) Komitatano A de UEA
7) Kongresproponoj
8) Elekto de revizoroj kaj vicrevizoro
9) Elekto de komitatano A por UEA
10) Elekto de kongresurbo 1970 kaj prov. 1971
11) Libera diskutado
12) Resumo kaj fermo

*Fiksita kunsid-horaro*

Lundon, la 19-an de majo 1969
8.30—10.30
I-a Kunsido Estraro-Komitato
Mardon, la 20-an de majo 1969
8.30—12.30
II-a Kunsido Estraro-Komitato
Ĵaŭdon, la 22-an de majo 1969
8.30—12.30 Plenkunsido
La aliajn programerojn kaj tempojn fiksos LKK.

*Kurt Greutert.*

*Tagordo por la kunsido de la Terminara Komisiono*

1) Stato de la laboroj
2) PIV kaj DUDEN-bildvortaro
3) Slipara vortaro
4) Diversaĵoj

Ĉiuj kunlaborantoj estas petataj detale informiĝi pri la sistemo de Slipara Vortaro, kiun ekaplikis s-ro Eichholz por ebligi larĝbazan, internacian diskutadon de proponitaj tradukoj en DUDEN-bildvortaro kaj samtempe disponigi la jam akceptitajn terminojn al ĉiu interesito. Kiu ne ricevis informfolion, petu ĝin rekte de

Esperanto-press, 2427 Padstow Cres.,
*Clarkson,* Ontario, Kanado.

Se laŭ opinio de plimulto tiu ĉi metodo prezentas kontentigan solvon ankaŭ por nia estonta laboro, ni voĉdone decidos pri ĝia enkonduko. Mi petas pri skriba opini-esprimo, se iu lando ne estos reprezentita en Avignon.

*G. Ritterspach.*

*Tagordo por la kunsido de la Fakprelega Komisiono*

1) Inter Varna kaj Avignon, jarraporto (W. Brandenburg)
2) La grandaj rapidecoj, preparaj laboroj pri la prelego de la 21-a kongreso (A. Blondeaux)
3) Temoj kaj projektoj por la 22-a kongreso (G. Gimelli)
4) Fakprelego dum la UK en Helsinki (N. G. Narvala)
5) Planoj, sugestoj kaj proponoj pri la 23-a kaj postaj IFEF-kongresoj
6) Organizaj demandoj, intensigo de la kunlaboro en la komisiono mem, kun la terminara komisiono, kun la komitato.

*Tagordo por la kunsido de la Junulara Sekcio*

1) Malfermo
2) Raporto pri la agado de la Junulara Sekcio
3) Pridiskuto de la raporto kaj de la temo: Ĉu ni rajtas integri kaj disvolvi sportojn kaj ludojn en la aktiveco de la esperantistoj?»
4) Pritrakto de la laborplano
5) Fermo de la kunsido

*

FUNEBRA LISTO

En Hispanujo mortis la iama prezidanto de HEFA s.ro Jesus Puertolas Latre la 24an de novembro en la aĝo de 83 jaroj.

*

El Svedujo ni ricevis la informon ke unu el la pioniroj de la sveda IFEF-sekcio, pensiumigita staciestro Carl Viksten mortis en novembro 1968, en la aĝo de 80 jaroj.

Ili ripozu en paco.

DEZIRAS KORESPONDI:

24 gelernantoj /plejparte gefervojistoj/, 20-52 jaroj, kaj 12 gelernantoj 11-13 jaraj deziras korespondi kun ĉ.l. pri ĉ.t. Adreso: Esperanto Rondo «Amikeco», Ceská Trebová, Ĉeĥoslovakio.

*

*Redaktfino* por n-ro 2, estas la 28an de februaro 1969.

## *IFEF kaj UEA*

Kiel la partoprenintoj en la 18a IFEF-kongreso (Utrecht) kaj la atentemaj legantoj de LIF certe memoras, la komitato de IFEF decidis en tiu kongreso per 12 voĉoj kaj unu sindeteno kontraŭ 8 ŝanĝon en la formo de la rilatoj inter IFEF kaj UEA. Nome el la stato «Kunlaboranta faka asocio» fariĝis «Aliĝinta faka asocio». Tio okazis, kvankam oni aŭdis avertojn, kiel ekz. IFEF perdus sian memstarecon, ke ĝi estos minacata de skismo, malpaco, membroperdoj kaj eĉ de kompleta likvido. Ekzistis landaj asocioj, kies gvidantoj kaj membroj fakte timis tiajn eventojn kaj nur tre antipatie alkutimiĝis al la nova situacio. Sed — ĉu vere kaj iam ajn ekzistis aŭ ekzistos danĝero por nia fedracio?

Ni eliru de la punkto, ke jam antaŭ 60 jaroj fervojistoj fondis la unuan internacian asocion de esperantistaj fervojistoj, ke inter la mondmilitoj sindonemaj kolegoj denove klopodis per ĉiuj rimedoj restarigi kaj konservi fervojistan fakan movadon, kaj ke post la dua milito el la ĝermo en Nederlando denove evoluis prospera faka movado fervojista en formo de la nuna IFEF. Tiu ĉi IFEF estas pure fervojista kreaĵo laŭ aspekto kaj konduto. De komence inter ĝiaj karakterizaĵoj estas memstareco kaj sendependeco. En ĉiu momento de sia ekzisto ĝi mem decidis pri sia sorto. Ĉu vere iu povas suspekti, ke serioza estrarano aŭ komitatano de IFEF endanĝerigus ĝuste tiujn memstarecon kaj sendependecon??

Neniel la statuto de UEA postulas submeton sub iujn ordonojn. La ĉefan celon de tia «aliĝo», kiu ĉi-kaze havas tute alian signifon ol la kutime uzata vorto «aliĝo», oni vidu kiel *kontribuon* flanke de la plej forta faka Esperanto-Federacio *al la koncentrigo de ĉiuj disponeblaj fortoj de la esperantistaro* por ties celo numero unu: la oficialigon de Esperanto. Ĉiu kiu dum la pasinta jardeko nur iomete almenaŭ observis la agadon de UEA, devas konfesi, ke ĝi ne nur laŭnombre kreskis, sed ke ĝi ankaŭ konsiderinde intensigis siajn klopodojn sur ĉiuj niveloj kaj sukcesis penetrigi la ideon de la Internacia Lingvo en mediojn antaŭe neatingitajn. Ke tio nur povas okazi, kondiĉe ke ekzistas «programo», kiu estas diskonigita al la esperantistaro tutmonda, kaj kiu — jen la plej grava! — daŭre estu priatentata ĝuste tiu esperantistaro, tio devas esti memkomprenebla kaj ĝenerale dezirinda.

Pro tio oni ne vidu danĝeron en la intenco, ke IFEF adaptu al la laborplano de UEA kaj al la tielnomita «Principaro de Frostavallen», ĉar tio nur signifas, ke IFEF speciale *sur sia faka tereno* kontribuas al la plura disvastigo de Esperanto. Estas malnova saĝo, ke organizaĵo, kies agado estas direktata laŭ unueca programo, multe pli atingas ol alia, kiu diversdirekten dissplitas siajn fortojn. Do, la bazajn ideojn liveras UEA, sed estas tasko de ĝiaj landaj kaj fakaj asocioj, tute memstare trovi la plej adekvatajn metodojn por alproksmiĝi al la por ĉiuj komuna celo. Kaj cetere, kiel ne utiligi al si favorajn pensrezultojn de aliaj homoj.

Por pli klare komprenigi esencon kaj intencojn de la menciita kadra programo, ĉisube ni ekstrakte publikigas diversajn gravajn poziciojn el la principaro de Frostvallen kaj el la laborplano de UEA.

### *A. Principaro de Frostavallen*

La kompleta nomo de la «principaro» estas *«Fundamenta Principaro de Informado pri la Internacia Lingvo»*. Ĝi estas akceptita en kunveno de la reprezentantoj de la landaj Informaj Fakoj (rim: de UEA) en Frostavallen, Svedujo la 30an de julio 1956. Ĝi estas trovebla en UEA-jarlibro 1965.

La tuta principaro havas 21 ciferojn. Ni citas alineon I kun surskribo «Celo» kaj kun la ciferoj 1 kaj 2:

1. *Tri branĉoj de aktivecoj: informado, instruado, praktika utiligo.* Nur paralela, bone studita kaj celkonscia agado sur la tri kam-

poj povas doni kontentigajn rezultojn kun daŭra valoro.

2. *La celo de la informado:* a) diskonigi la Internacian Lingvon kaj ĉion, kio estas kreita en ĝi aŭ pere de ĝi; b) detrui la antaŭjuĝojn, precipe en la ŝlosilaj pozicioj de la kulturo kaj de la publika vivo; c) instigi al lernado de la lingvo kaj altiri novajn adeptojn al la movado.

La alineoj II ĝis IV ĉefe koncernas internajn funkciojn de UEA.

El alineo V *«Metodoj»* jen la cifero

11. *Diversaj eblecoj:* a) artikoloj; b) mallongaj informoj (nepre objektivaj); c) publikaj prelegoj por ĝenerala publiko; d) prelegoj en specialaj medioj (sciencaj institucioj, literaturaj societoj, sindikatoj, studentaj kluboj, diversaj asocioj ktp.); e) radioprelegoj kaj informoj; f) afiŝoj; g) flugfolioj; h) sloganoj; i) ekspozicioj; j) filmoj; k) varbado de apogantoj; l) aliaj eblecoj laŭ la landaj aŭ lokaj cirkonstancoj.

12. *Nur intensa utiligado de ĉiuj eblecoj paralele efikas pozitive.*

El alineo n-ro VI, kiu tekstas *«Kvalito»*

13. *Ĉefaj eraroj:* a) Nomi la lingvon artefarita, helpa, verda k.s.; oni ĉiam nomu ĝin: aŭ *La* Internacia Lingvo, aŭ Esperanto; b) superflue menciadi diversajn projektojn de komuna lingvo; c) ne distingi nete inter Esperanto kiel vivanta lingvo kaj tiuj projektoj, se la cirkonstancoj devigas paroli pri ili; d) uzi en nacilingvaj tekstoj esperantajn esprimojn, ekz. «samideano», «Majstro», «verdstelanoj» k.s.; e) skribi pri Esperanto en nekorekta nacia lingvo; f) nomadi la informadon pri Esperanto «propagando»; g) doni al la Esperanto-Movado sektecan karakteron (tro multe da steloj kaj flagoj, kantado de la Himno kaj aliaj kantoj en nekonvenaj tempo kaj loko, strangaĵoj en la vestoj dum kongresoj kaj aliaj publikaj kunvenoj k.s.). *La eraroj en la informado malproksimigas de Esperanto dekmilojn da personoj kaj kaŭzis foran kompromitiĝon de la movado en multaj medioj.*

14., kies lasta frazo tekstas: *La digno de ĉiuj publikaj aranĝoj respegulu la respekton, kiun la esperantistoj mem havas por la Internacia Lingvo.*

El alineo VIII *«Medioj atingotaj»*

17. *Ĝenerala Informado:* Ĝi estas direktita al la larĝa publiko kaj havas la celon krei ĝeneralan favoran agordon.

18. *Speciala Informado:* Ĝi estas direktita al specialaj medioj, kies interesoj transiras la limojn de iliaj naciaj lingvoj (sciencistoj, diversaj fakuloj, komercistoj, membroj kaj adeptoj de internaciaj organizaĵoj kaj movadoj) kun precipa atento al la junularo kaj al la studentoj.

El alineo IX *«Konkludo»*

19. La esperantistoj mem estu pli forte konvinkitaj pri la praveco de la propra afero kaj pli kuraĝe argumentu kontraŭ la eraraj prezentoj. Ĉiu esperantisto konstante klopodu larĝigi kaj altigi sian lingvan scion. Ĉiu esperantisto ĉiam portu la Esperanto-insignon (ne multaj, sed unu). En fakaj aŭ specialigitaj organizaĵoj la esperantistoj levu sian voĉon. La informado estu ĉiam adaptita al la medio, en kiu oni faras ĝin, kaj venu prefere de tiu medio mem.

20. Ĉiuj branĉoj de Informado estu egale atentataj kaj paralele aplikataj. La maniero de informado varias de unu lando al la alia kaj de unu medio al la alia. Sekve, tiuj ĉi bazaj principoj estu aplikataj kun elasteco kaj kun konsidero de la apartaj cirkonstancoj.

### *B. El la dua Baza Laborplano de UEA*

Post unua laborplano (1955) sekvis dua plano en 1962. La plej kompetenta persono, la prezidanto de UEA, prof. d-ro Lapenna, skribis jenajn vortojn pri tiu plano («Esperanto», okt. 1962):

«Kvankam la Laborplano konsistas el kvin partoj, 28 punktoj kaj multaj eroj, tamen ĝi prezentas unuecan tuton. Ne ekzistas taskoj pri gravaj kaj malpli gravaj. Ili ĉiuj estas same gravaj. Nur la plenumo de ĉiuj niveloj — monda, landa, regiona — loka kaj faka — garantias la sukceson. Parto de la programaj eroj ŝajnas tiel memkompreneblaj, ke oni povus demandi sin, ĉu necesis meti ilin en la Labor-

planon. Se ĉiuj niaj organizaĵoj estus efektive ĉiam agintaj laŭ tiuj «memkompreneblaj» principoj, eble oni estis povinta ellasi ilin.

Kelkaj starigis la demandon, ĉu la Laborplano havas devigan karakteron. Se oni komprenas la vorton «deviga« en la senco de perforta altrudo kun la helpo de ĝendarmoj, tiam evidente la Laborplano estas «deviga» por neniu. Sed se oni korekte konceptas la kaŭzojn, celojn kaj metodojn de organizita laboro entute, tiam la Laborplano, akceptita de la Komitato laŭ la Statuto kaj post vastega diskuto, estas morale deviga por ĉiuj. Se ne estus tiel, ĝi estus komplete superflua.»

Ĉiu, kiu objektive rigardas la realaĵon en la hodiaŭa mondo, facile povas konstati, ke la homaro ĉiam pli kaj pli bezonas rimedon de komunikado por ĉiuj internaciaj rilatoj, daŭre ampleksiĝantaj kaj profundiĝantaj. Estas same klare, ke tiun bezonon povas plene kontentigi nek unu aŭ pluraj naciaj lingvoj, nek la nuntempaj sistemoj de tradukado kaj interpretado, nek la plej modernaj tradukmaŝinoj, sed sole vivanta, ĝis maksimumo nuancita, plensanga kultura lingvo.

el cif. 4 «Organizita agado»:

Baza laborplano prezentas komunan framon por la agado de ĉiuj organoj de UEA, de la aliĝintaj asocioj, de la kunlaborantaj fakaj kaj specialigitaj organizaĵoj, de la lokaj societoj kaj unuopaj membroj. Ĝi montras la vojon al la fina celo.

el cif. 7 «Lingvo»:

«Rigore konservi kaj fortikigi la lingvounuecon surbaze de la Zamenhofa Fundamento klare distingante inter la necesa aŭ utila evoluigo de Esperanto kaj la danĝera deformado de ĝiaj bazaj strukturaj trajtoj laŭ la Fundamento. Atenti, ke ĉiuj publikaĵoj estu absolute senriproĉaj el lingva vidpunkto; kritike rilati al ĉio, kio malaltigas la lingvan nivelon; konservi kaj konscie intensigi la vivantecon de la lingvo per instigoj al uzado de Esperanto ne nur okaze de internaciaj renkontiĝoj, sed en ĉiuj Esperanto-organizaĵoj, iliaj organoj kaj inter unuopuloj; ankoraŭ plibonigi la nivelon de la lingvo-instruado.»

el cif. 14 «Fakaj Organizaĵoj:

Konforme al la Baza Laborplano ĉiu faka kaj specialigita organizaĵo ellaboru sian propran konkretan programon kun aparta konsidero al jenaj taskoj: a) organize plifortigi la koncernan F.O., laŭ la eblecoj krei landajn sekciojn kaj lokajn grupojn, se tiaj ankoraŭ ne ekzistas; b) aliĝi al UEA; c) instigi la membrojn aliĝi al UEA kiel individuaj membroj kaj fariĝi fakdelegitoj por siaj respektivaj fakoj; ĉ) organizi fakajn internaciajn renkontiĝojn ne nur dum la Universalaj Kongresoj, sed ankaŭ ekster ili; d) eldoni presitan fakan revuon; e) daŭre evolui la fakan terminaron kaj eldoni kiel eble plej kompletan kaj modernan fakan terminaron; f) doni helpon al la centraj organoj de UEA en la realigo de tiuj punktoj en la Baza Laborplano, kiuj interesas la koncernan F.O.»

Sub alineo «Eksteraj Taskoj» ni citu fine cif. 27:

Fakaj organizaĵoj: Antaŭvidi en la programo de ĉiu F.O. precipe jenajn taskojn: a) aliĝi al la samfaka neesperantista organizaĵo aŭ almenaŭ trovi plej taŭgajn formojn de kunlaborado kun tiaj organizaĵoj; b) publikigi studojn kaj artikolojn en nacilingvaj fakaj periodaĵoj; c) publikigi esperantlingvajn artikolojn aŭ prizorgi esperantlingvajn resumojn en nacilingvaj libroj kaj periodaĵoj; ĉ) enkonduki la Internacian Lingvon kiel oficialan pontolingvon aŭ unu el la oficialaj lingvoj en internaciajn fakajn konferencojn; d) efike kunlabori kun la centraj organoj de UEA sur la kampo de enkonduko de Esperanto en fakajn mediojn.

Ĝuste la du lastaj ciferoj, kiuj ja validas por ĉiuj fakaj asocioj internaciaj en kontakto kun UEA ,evidentigas, ke IFEF el si mem jam de multaj jaroj konstante sekvas la principojn formulitajn en la laborplano de UEA, plura pruvo, ke fakte ne ekzistas ia danĝero, kiam oni adaptas la propran agadon al tiu baza plano. La plej multaj aliaj punktoj de tiu plano ĉefe koncernas UEA-on mem kaj ĉi tie ne gravas. Ankaŭ estas klare, ke parto de la cititaj taskoj ĉefe okupas la IFEF-estraron, komitaton resp. komisionojn. Sed granda parto el la punktoj kaj

precipe de la principaro donas bonajn konsilojn al niaj landaj asocioj, al lokaj societoj kaj individuaj membroj. Ili vere valoras, okupi sin pri ili en grupvesperoj, prelegoj, kursoj ktp. Estus salutinde, se tiu ĉi artikolo kontribuus el celtrafa agado por la Internacia Lingvo unuflanke kaj se ĝi aliflanke forigus ĉiujn dubojn pri la sintenado de la IFEF-estraro, kiu neniel tolerus minacadon kontraŭ la memstareco de la federacio. Proverbo konata de jarmiloj tekstas: «Unueco estas forto». Ĝi estu ankaŭ nia gvidlinio por akurata plenumado de nia tasko heredita de la kreinto de nia lingvo.

*prezidanto*

---



# La mortulinstalaĵo

Bildkliŝo: NSB

Certe ĉiuj homoj dum sia ĉiutaga deĵoro grumblas; ĉu la teniloj kaj la objektoj kiujn mi uzas devas esti faritaj tiamaniere, kaj ĉu la laboro devas esti tiel peza kaj laciga?

Kiel lokomotivestro mi pensas pri la longedaŭra manpremo sur la mortulinstalaĵo.

Niaj svedaj instalaĵoj estas faritaj kiel turnilo, kun butono suprenpremita de risorto, kiun la lokomotivestro ĉiam devas kontraŭpremi dum la veturado.

Fakte pluraj kolegoj plendas pri doloro en siaj manoj kaj brakoj, kaŭzita de la longedaŭra statika laciga premo de la supre priskribita mortulinstalaĵo.

Mi iomete laboris por faciligi tiun laboron.

Inter alie mi kontrolis ke la butonoj ne bezonas pli da forto por malsuprenpremi, ol laŭ la instrukcioj.

En Svedujo elektraj lokomotivoj havas mortulinstalaĵojn kiel supre priskribita.

La funkciadreguloj por kontraŭpremi la butonon devas esti 3 kilogramoj pundo, kaj por daŭre manpremi la butonon malsupre, 1,5 kilogramforto. Do, mi tre interesas pri tiu afero kaj volonte esploros alilandajn aranĝojn tiurilate.

Ĉu estas kolegoj aŭ aliaj interesuloj en aliaj landoj pri ĉi tiu afero?

Se ekzistas interesuloj de diversaj landoj pri ĉi tiu afero, mi instigos ilin sendi al LIF sian kontribuon por helpi min kompari la estantajn leĝojn kaj konstruojn de mortulinstalaĵoj.

Eble ni kune povos eltrovi pli sekurecan, sanecan sed simplan kaj kontentigan solvon.

B.v. esprimi vin nur per kilogramforto.

Distingu inter manpremo komenca kaj daŭriga.

Speciale interesas min la daŭra kontraŭpremo.

*Lokomotivestro Anshelm Eriksson,*
Stampbrogatan 28,
S 681 00 Kristinehamn,
Svedujo.

---



# Fervojnovaĵoj

*Albanujo:*

KONSTRUADO DE FERVOJOJ

En Albanujo oni ĵus malfermis por trafiko la 54 km. longan fervojlinion Rrogozhine—Fiere. Ĝi finkonstruiĝis pli frue ol antaŭvidita.

Per tio la totala longeco de unutrakaj fervojoj en Albanujo nun estas 205 km.

De SJ-Nytt.

*Ĉeĥoslovakujo:*

PLI OL 2140 KM DA FERVOJLINIOJ POR ELEKTRAJ LOKOMOTIVOJ

Oni modernigas pluajn liniopartojn. Unua fervojlinio antaŭ 65 jaroj. La ĉi tiu moderna trafikrimedo havas en CSSR bonan tradicion. Sed je veran evoluon ĝi devis atendi ĝis fino de dua mondmilito. Ĝis oktobro de nuna jaro oni uzadis por elektraj lokomotivoj entute 2140 km da fervojlinioj. La ĉi cifero estas provizore nur 15 % de la tuta forvojreto en CSSR. En la transporto de varoj kaj personoj estas fakte la ĉi parto pli alta, ĉar sur ĉi tiuj linioj rekte estas transportata plena duono de la tuto.

Aldoniĝas ankaŭ motortrajnoj. En nuntempo finiĝas la ordigoj de aliaj liniopartoj, kiel ekzemple tiuj inter stacioj Ĥeb — Sokolovo, Strakonice — České Budejovice, kaj Bratislava — Stúrovo. Laŭ la samtempaj supozoj veturos ĝis la j.1975 elektraj lokomotivoj por samdirekta aŭ alterna kurento, sur pluaj 700 km de linioj. Ĝis ĉi tempo devos plialtiĝi proksimume trioble ol estis nuntempa la var — kaj persontransporto per motorlokomotivoj.

En la plej proksimaj jaroj komenciĝos modernigado de komunikaj linioj Praha — Beroun, Praha — Kralupy — Decin, plue iuj slovakaj linioj kaj tiuj aliaj. Estas sufiĉe da malfacilaĵoj, daŭre mankas novaj lokomotivoj, iuj trolejarangoj tro rapide foruziĝas, kreskas elspezoj por elektrifikado k.t.p.

Dume ankaŭ ne estas solvita eĉ transiro de elektraj trajnoj de sistemo por alterna kurento por sistemo samdirekta. Tio do signifas, ke oni nepre havu lokomotivojn kapablajn por ambaŭ sistemoj je oportunaj lokoj pretigitaj, tielnomataj «kontaktstacioj».

Rudé Právo. 14. XI. 1968.
traduk. Rozeto-Decin.

*Germanujo:*

LIKVA METALO PER FERVOJO

Bochum. — Inter la germanaj urboj Bochum kaj la 40 kilometrojn foraj ŝtaluzinoj de Krupp en Rheinhausen trafikas 10 specialvagonoj por transporto de likva krudfero. La torpedovagonoj — transportujo havas formon de torpedo — etsas 34 metrojn longaj, havas senkargan pezon de 210 tunoj kaj staras sur 4 boĝioj kun entute 18 aksoj. La transportujo enhavas 165 tunojn da krudfero. La varmec-izolaĵo efikas tiom bone, ke la perdo sumas nur 5 gradoj. La temperaturo de la likva krudfero estas proksimume 1400 gradoj Celsius.

Weltwoche — kg

*Maŭritanujo:*

— LA ERCTRANSPORTTRAJNOJ EN AFRIKO

La plej pezaj trajnoj en trafiko sur la afrika kontinento, trafikas tra la dezerto de minejoj en Maŭritanujo al la haveno Port Etienne ĉe la Atlantika Maro.

Tiuj 2 km. longaj erctransporttrajnoj, estas movigataj de 4 dizelelektraj lokomotivoj, ĉiu je forto 2500 ĉevalpovoj. Ili estas speciale konstruitaj por la malfacilaj trafikrilatoj en la dezerto.

La lokomotivoj trenas trajnon konsistantaj el 176 erctransportvagonoj, 12 cistern-portantaj vagonoj kaj 1 konduktorvagono.

La pezo de tiu trajno estas sen lokomotivoj, sed kun erco entute 18 000 tunoj.

El la Vie du Rail/SJ-Nytt



Bildkliŝo: NSB.

*Norvegujo:*

Nia bildo montras specialtrajnon de N.S.B. por transportado de pirito de Hjerkinn en la Dovre-montaro al Sarpsborg en la sudorienta parto de la lando. Ĝi konsistas el 15 speciale konstruitaj boĝiaj funelvagonoj, kiuj po pezas 22 tunojn kaj ŝarĝas 50 tunojn. Elektra lokomotivo tipo El 14 kun 7000 ĉp. tiras la trajnon, kiu totale pezas 1080 tunojn ekskluzive la lokomotivo. La distancon Hjerkinn—Sarpsborg — 490 kilometrojn, ĝi traveturas en malpli ol 8 horojn. Pluraj lokoj survoje la deklivo estas 16.5 promiloj.

*Svisujo:*

INTERNACIA MANOVRA STACIO

La internacia vartrafiko nun certe pli glate funkcios, poste ke oni ekuzis la grandan manovran stacion La Praille ekster Genevo. Ĝi nun funkcias kiel ligilo inter la svisaj kaj francaj ŝtatfervojoj. La konstruado kostis 130 milionojn svisaj frankoj, kaj la stacio havas kapaciton de 62 vartrajnoj po tage.

De SJ-Nytt

*Turkujo:*

NOVAJ LOKOMOTIVOJ

La Turkaj Ŝtatfervojoj mendis 60 dizellokomotivojn en Francujo.

Komence oni liveros al Turkoj 4 lokomotivojn de tipo BoBo je 1800 ĉevalpovoj, kaj 16 lokomotivojn de tipo CoCo je forto de 2400 ĉevalpovoj.

De SJ-Nytt



## El la Fervojista Mondo

### JARKUNVENO DE LA ĈEĤOSLOVAKA IFEF-SEKCIO

La ĉeĥa IFEF-sekcio aranĝis sian jarkunvenon 16.11.1968 en Česka Trebova, kie ĉeestis 57 gepartoprenantoj de la tuta lando.

La prezidanto, s.ro Bohumil Kral instigis al daŭra varbado al la movado.

Mem li 1.7.1969 emeritiĝos, kaj oni tial nun serĉas alian konvenan personon, kiu povas transpreni lian funkcion kiel prezidanto.

Jiri Piŝtora reelektiĝis kiel komitatano de IFEF. Al Avignon, al la 21a Kongreso, oni esperas pri ebleco aranĝi karavanvojaĝon por 40 personoj en kuŝvagono. En 1971 aŭ 1972 oni esperas povi aranĝi la IFEF-kongreson, aŭ en Praha, aŭ en Bratislava.

La terminaran laboron gvidas ing. Rebicek. Estas decidite pretigi ĉeĥan tradukon de Terminareto de GEFA, eventuate kompletigata per pluaj bezonataj terminoj kaj taŭgaj kontraŭpunktoj.

### LA HISPANA SEKCIO DE IFEF

El Hispanujo ni ricevis informon pri nova konsistado de la nova HEFA-estraro.

Prezidanto. — Ramón Giménez Feliu. Ronda S.Antonio No 46/50, 2º, 4 a. Barcelona 11.

Vic-prezidanto. — José Oliveras. Str. Aneto No 16, 2º, 2 a. Barcelona 13.

Sekretario. — José Cerezo. Str. Bugambilla No 5, 1º, 2 a. San Ildefonso de Cornellá. Barcelona.

Vic-sekretario. — José Margalef. Pasaje Prim No 12. Premiá de Mar. Barcelona.

Kasisto. — José Saladrigas. Str. Caridad No 34. Badalona. Barcelona.

Komitatano. — Rafael Devis. Str. Sicilia 264, Casa 2, 3º, C. Barcelona 13.

Komitatano. — Carlos Virumbrales. Pasaje Ali-Bey No 4. Barcelona 5.

La nombro de hispanaj fervojistoj aliĝintaj al IFEF, ĉiu jare plialtiĝas; dum 1968 oni atingis la ciferon 205. Tion rajtigas ilin dua komitatano por 1969. Oni esperas atingi la numeron 400 je la fino de 1970.

## Fervojistoj en la Medicina Sekcio de la Hungara E-Asocio

La 24-an de novembro okazis la fondkunveno de la Medicina Sekcio de HEA en Budapeŝto. En la Sekcio troviĝas multaj fervojaj kuracistoj, asistantoj, ktp. D-ro Stefano Bácskai, vicprezidanto malfermis la kunvenon. Li parolis pri la graveco de la faka movado kaj pri la signifo de Esperanto en la medicino. Ĉeestis kaj alparolis la kunvenon ankaŭ k-go Sredic Gvozden, vicprezidanto de IFEF.

La raporton faris D-ro Imre Ferenczy, fervoja ĉefkuracisto. Li skizis la agadon de la tutmonda medicina esperantista movado. La ĉeestantoj elektis la gvidantaron de la Sekcio. La prezidanto estas: D-ro Imre Ferenczy, la sekretario: D-ro Lajos Molnár. Oni akceptis la laborplanon, laŭ ĝi oni preparas fakterminaron, daurigas la publikadon de la esperantlingvaj resumoj ĉe la hungara fervojmedicina revuo Vasutegéczségügy kaj la hungaraj esperantistaj medicinistoj aktive partoprenos en la esperantista movado por akiri fakajn spertojn.

*I.F.*

### JARKUNVENOJ OKAZONTAJ:

Norvega Esperantista Fervojista Asocio aranĝos sian jarkunvenon dimanĉe la 16an de februaroje h. 13.30 en Hotell Carlton, N-2000 Lillestrøm.

*

Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj, aranĝas sian jarkunvenon sabate kaj dimanĉe 1.3.—2.3. 1969 en Hotelo Krone en Soleure/Solothurn.

### ADOPTO DE KOLEGOJ EN LA EVOLUANTAJ LANDOJ

El Belgujo venis la jena informo.

BEFA tiurilato decidis:

1) Por la jaro 1969 la sumo de 300 Fr. estos pagata el la BEFA-kaso al la IFEF-kasisto por la adopto de 10 gekolegoj.
   a) kvin el al socialistaj landoj kie ne jam estas IFEF sekcio
   b) kvin el Hindio, Maroko, k.c.

2) La membroj estos incitataj por individue adopti por krompago de kotizoj.

Por ĉiu adoptito de la BEFA ni deziras esti informata pri la nomo kaj adreso ĉar ni deziras konsideri ilin kiel membro de la BEFA, tiel ke ili ankaŭ ricevu niajn eldonaĵojn.



## UEA AŬSPICIAS NOVAN LIBRON POR INSTRUISTOJ

Post nelonge aperos en Jugoslavio nova libro, kiu faros grandan kontribuon al la instruado de la Internacia Lingvo. Temas pri «Metodiko de la Esperanto-instruado» de prof. Rudolf Rakusa. Instruistoj de Esperanto jam delonge tre bezonas ĝeneralan manlibron, kiu helpos al ili fari la instruadon kiel eble plej efika. Kvankam la verko de prof. Rakusa jam longe estas tute preta por presado, ĝis nun ne estis eble eldoni ĝin. Fine tion ebligis UEA, kiu donas al la eldono sian aŭspicion kaj financan helpon. La libro aperos en 2 000 ekzempleroj ĉe la eldonejo Mladinska Knjiga, kaj ĝi certe fariĝos ŝatata kunulo de ĉiu Esperanto-instruisto.

———




Bildkliŝo: NSB.

*Bedaŭrinde sinjorino. Eĉ se vi havas sakon plena je validaj vojaĝobiletoj: Vi ne estas ĉe la trajno al Avignon.*

Presita ĉe presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegujo